


# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*
*Redakcio.*

CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA. SÍDLO: PRAHA I. 342. KAVÁRNA „UNION". KANCELÁŘ A UČEBNA: II. VODIČKOVA ULICE 38. REDAKCE REVUE: II. DITTRICHOVA ULICE 7.

**1910.** **LISTOPAD — NOVEMBRO.** **IV. 9.**

**Roční předplatné: 3 K.**

**Cena tohoto sešitu s přílohou: 30 hal.**

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). | eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1,50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II. (Bohemujo - Aŭstrio).** II.—2023. Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskripton por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

Účet poštovní spořitelny 93.281.

* * * *

ČEŠTÍ ESPERANTISTÉ PŘEDPLÁCEJTE SVŮJ ORGÁN

**Časopis Českých Esperantistů,** *který bude vycházeti počátkem měsíce o 20 stranách s literární přílohou.* **Před***platné 3 K (pro sdružené kluby K 2·50, při hromadné objednávce alespoň 5 ex.). Zprávy třeba zasílati do 20. Obsah revue rozšířen o jazykového rádce.*

*Redakce s povděkem přijme a případně uveřejní návrhy na zlepšení revue a žádá P. T. čtenáře, aby s ní sdělili, co se jim na našem časopise nejvíce líbí.*

**Bohema Revuo Esperantista** aperados je komenco de monato po 20 pĝ. kun literatura aldono. Abonpago 3 K. La enhavo de la revuo estas riĉigita per lingva fako.

La redakcio danke akceptos kaj laŭokaze publikigos la proponojn pri la plibonigo de tiu ĉi revuo kaj petas la legantojn pri afabla komuniko, kio al ili plej multe plaĉas en nia gazeto.

---

## OBSAH — ENHAVO:


LITERATURA ALDONO: **BABIČKA-AVINETO** de Božena Němcová. (Pokr.). Trad. ***Vl. Tobek.***

Ph. Dr. Prof. V. Rosický. — VI. Světový kongres Esperantistů ve Washingtoně 1910. — Kritikoj pri nia Esperanta „Sherlock Holmes en servo de la hispana trono“. — Přehled důležitějších časopisů esperantských. — Grafo L. N. Tolstoj mortis. — La Plibonigado. — Esperanta movado inter Bohemoj. — Korespondantoj.


---

# Ph. Dr. Prof. VACLAV ROSICKÝ.

1850—1910.

La 28-an de septembro ĝisvivis nia eminenta samideano s-o prof. dr. V. Rosický sian sesdekan jaron (* 28. sept. 1850 en Praha). Dr. Rosický apartenas al la plej simpatiaj membroj de nia tutmonda amikaro kaj certe ĉiu, kiu iam havis okazon rilati kun li, plezure memoras la varman akcepton per kiu li scias tiom agrabligi tiun ŝatindan por ni momenton. Estante aminda, sincera kaj plej verama, li trovas inter ĉiuj konatoj sole estimon kaj lia vorto, lia kunhelpo en iu ajn laboro donas plenan garantion pri sukcesa fino de la entrepreno. Unu el la plej karakterizaj trajtoj de lia karaktero estas modesteco, kiun oni apenaŭ trovus ĉe eminentuloj lin egalaj. Neniam li metas sian personon en la unuan vicon, kvankam lia nomo meritas esti tiom kaj tiom da fojoj citata inter la bohemaj fizikistoj, astronomoj kaj stenografoj. Lia scio de lingvoj ampleksas krom preskaŭ ĉiuj slavaj lingvoj ankaŭ la francan, anglan, germanan, italan, hispanan, latinan, grekan, hebrean kaj Esperanton.

En la stenografio li ludas eminentan rolon jam dum kvardek jaroj; de post la jaro 1873 li estas membro de la Unua Societo de Gabelsbergeraj Stenografoj en Praha, kies li fariĝis pli malfrue membro fondanta kaj de tri jaroj honora; de la stenografa societo en Brno li estas membro korespondа kaj en la Scienca Komitato Stenografia li estis elektita vicprezidanto. Multe da liaj ekslernantoj memoras lin kun sincera ĝojo kaj rakontas pri li, kiel pri Majstro de la stenografia arto. Dum 12 jaroj li estis membro de la ekzamena komitato, kelke da jaroj revizoro de la stenografia kancelario ĉe la bohema landa parlamento kaj dum ses jaroj li redaktadis kun prof Pražák la sten. gazeton „Těsnopisné Listy“. Estu aldonite, ke li estas ekzamenita pri la bohema kaj germana stenografioj antaŭ la ŝtata komisio jam en la jaro 1873. Kiel universitata asistanto li estis proklamita doktoro de filozofio en jaro 1877, poste li fariĝis asistanto de fiziko kaj dum ses jaroj li estis asistanto de la astronomia kaj meteorologia observejo en Praha, kie li restis ĝis la j. 1884, kiam li fariĝis post la ŝtata ekzameno pri matematiko kaj fiziko en la j. 1880 profesoro ĉe la ger-

mana gimnazio en kvartalo Staré mèsto. Kvin jarojn pli malfrue li submetis sin je la sama ekzameno bohemlingva. Lia deziro — instruadi en bohema instituto — ne plenumiĝis. De post la j. li instruas ankaŭ ĉe la privata gimnazio de la Akademio de Straka.

La sciencaj laboroj de Dr. Rosický (6) estas publikitaj en la raportoj de la imp. Akademio de sciencoj en Wien, la laboroj pri astronomio, meteorologio kaj magnetismo en la raportoj de la observejo en Praha. Serion da 63 artikoloj li skribis por la naturscienca revuo „Vesmír“, pli multe ol 500 artikolojn li verkis por la bohema ĉefverko enciklopedia „Ottův slovník naučný“. Specialan traktajon li skribis pri la vivo de Tycho Brahe ĉe okazo de tricentjara memoro pri la morto de tiu ĉi fama astronomo. Ni dankas lin ankaŭ por la bohema eldono de verko de prof. A. Michalitschke „Caelo-Tellurium“. La grandan estimon de nia jubileulo en la mondo scienca atestas tiu fakto, ke antaŭ ses jaroj li estis proponita unualoke kiel kandidato je profesora katedro ĉe la bohema politekniko post morto de Zenger, profesoro de fiziko. Pro kaŭzoj financaj estis tamen tiu ĉi loko okupita tiutempe per alia.

La movadon esperantan partoprenas Dr. Rosický de la j. 1908, kiam li fariĝis membro (en oktobro) kaj poste prezidanto de Esperantista Klubo en Praha. Unu jaron pli malfrue li estis elektita vicprezidanto kaj la 6. ae marto 1910 prezidanto de nia Centra Asocio B. U. E. Kiom da fojoj ni devis jam konstati, ke lia honorinda persono donis al nia movado tiun graveeon, kiun ĝi meritas! Precipe en tempo, kiam la Sorto tiel dolorige makulis la paĝon en la historio de nia laboro, lia energia interveno malbaris la vojon al vero, al rajto. Zorgoplene li memoras pri ĉiuj devoj, kiujn la prezidanteco postulas. Novaj kaj novaj proponoj tuj plenumataj pruvas la viglecon de liaj ideoj, lia nelaciĝanta intereso pri Esperanto estas ĉiama risorto por komuna laboro de ĉiuj fidelaj, per amikeco kaj reciproka fido kuntenataj samideanoj.

Ni plezure sciiĝis pri tio, ke la Unua Societo de Gabelsbergeraj Stenografoj en Praha donacis al sia honora membro Dr. Rosický ĉe okazo de lia jubileo kaj por pruvi la ŝaton je liaj meritoj belan miniaturan kopion de st. Venceslao de Myslbek. Nia rondo esperantista ne povas bedaŭrinde esprimi sian profundan estimon laŭ simila maniero, sed ni estas konvinkitaj, ke nia kara prezidanto estas certa pri sincereco de nia, en nomo de ĉiuj bohemaj samideanoj esprimita bondeziro: Korplene ni deziras multe da jaroj de feliĉa kaj kontenta vivo!

# VI. SVĚTOVÝ KONGRES ESPERANTISTŮ VE WASHINGTONĚ 1910.

(Dokončení.)

Jako každoročně následovaly v dalším zasedání proslovy delegátů různých národů na kongrese zastoupených. Mezi výše jmenovanými zvlášť zmiňujeme se o proslovu Ali Kuli Kana z Persie, který sděluje, že předpověď vůdce známého Bahajského hnutí vyslovená před 45 lety o rozluštění otázky pomocného jazyka splnila se Esperantem. Po slovech R. Sharpeho (Britsko) přijat návrh, aby byl zaslán telegram ekspresidentovi Rooseweltovi, který jest Esperantu nakloněn. Dr. Arnhold (Německo) ve svém pozdravu podotýká, že saská vláda pověřila jej úkolem podati jí zprávu o výsledku tohoto kongresu. Sděluje, že počet spolků v Německu dosáhl 230. Del. Španělska, kap. Perogordo, oznamuje ustavení vojenského spolku esper., jehož čestným předsedou jest Alfons XIII. Rovněž nově ustavený Červený kříž španělský přijal Esperanto. Zástupce Indie Cyril Tedman s potěšením konstatuje, že vedle mnoha ojedinělých přátel mají Esperantisté v Indii již čtyři spolky. Rovněž v Jižní Africe, kde pro veliké vzdálenosti nesnadno lze zakládati spolky, přece existuje již 5 klubů a podle zprávy del. R. Cartera pomýšlí se na zřízení svazu. Po proslovech zástupců amerických, vých. a záp. Australie a Filipinských ostrovů podal sekr. Reed jménem Organisačního výboru Mistrovi zlatý kongresní odznak, načež schůze skončena.*) — Večer uspořádán lodí výlet po řece Potomak.

Hlavním bodem programu dne následujícího byly schůze odborné: právníků, lékařů, železničníků, inženýrů, ošetřovatelů, žurnalistů, volných myslitelů atd. Mezinárodní vědecký svaz zasedal dvakráte. (Jak známo, vydává nyní orgán tohoto svazu „Internacia Scienca Revuo“ dr. Thalwitzer v Kötszchenbroda u Drážďan).

Schůzí Jazykového výboru súčastnilo se 20 členů. Zpráva předsedy Boiraca, jednající o pracech vykonaných za rok minulý, obsahovala referáty o těchto otázkách: 1. Slovník vlastních jmen. 2. Odbor pro technické názvosloví. 3. Odbor pro otázky mluvnické. 4. Všeobecný slovník. 5. Pracovní odbory v různých zemích. 6. Řád o udílení premií vynikajícím dílům. 7. Oficielní orgán. 8. Vnitřní záležitosti. Z referátů těch uvádíme: ad 1. „Oficiala Gazeto“ přinesl výsledek prací o této otázce, předložených Beinem, Mochem a Schröderem. (Zvláštní otisk 1 Fr.) L. K. doporučuje doplňovati kritickými úvahami toto dílo zvláště v bodech, v nichž

*) Zástupce Čechů pan arch. Pavel Kučera sděluje našemu Ústř. Svazu B. U. E., že nedostihl v čas do Washingtonu.

autoři se nestotožňují ve svých náhledech. Viz též práci Prof. Köppena ve Scienca Revuo 1908. — ad 2. Prof. R. de Saussure, vzdav se jednatelství Vědeckého svazu esp. a red. Scienca Revuo, věnoval se nyní pracem jmenovaného odboru. Za základ zvolil slovníky Veraxe, Fruictiera a Manna, o jichž doplňky a posudky požádal ostatní členy L. K. Kromě toho byl ve stálém spojení s výborem Vědeckého svazu esp., který ve 30 schůzích vypracoval první část tohoto úkolu (viz Sc. Rv. 1910). — ad 3. Návrh paní Hankelové, aby L. K. požádal dr. Zamenhofa o sepsání úplné, podrobné mluvnice (podporovaný téměř 1/3 členů L. K.), byl zamítnut po vysvětlení podaném dr. Z., který doporučuje předložiti začátečníkům raději stručnou mluvnici o 16 základních pravidlech než tlustou knihu. Ke studiu otázek monografických doporučuje otevříti zvláštní rubriku v Oficiala Gazeto, v níž sám bude též na dotazy odpovídati (návrh Manna). Dotazy soustřeďuje zkušební výbor Germana E. S. Pochvalnou zmínkou poctěna studie R. de Saussura o „odvozování v Esperantu", předložená Akademii. — ad 4. Na základě slovníků Kabeho (esper. - esper.), technického slovníku Veraxova a slovníku Boiracova má býti podniknuta revise dosavadních děl toho druhu, aby mohl býti připraven rukopis pro úplný oficielní slovník šestijazyčný. Doporučeno v nových vydáních slovníků poznamenati hvězdičkou základní slova čerpaná ze Zamenhofova Fundamenta. — ad 5. Podle docházejících zpráv ustavily se již v některých zemích tyto odbory, jež vytkly si za cíl studovati domácí díla esper. — ad 6. Prof. Cart navrhl podle usnesení schůzí L. K. v Barceloně řád o udílení premií vynikajícím dílům, na němž však dosud se pracuje. — ad 7. Jest pochopitelno, že zprávy uveřejňované v Oficiala Gazeto, jakožto orgánu L. K., jsou důležité nejen pro členy L. K., ale zajímavy i pro celý svět esperantský. Proto jest žádoucno, aby všechny spolky předplácením této revue učinily přístupnými jeho důležitá sdělení všemu členstvu. — ad 8. Znovu objasněn poměr a hlavní úkoly členů L. K.: voliti členy Akademie, rozhodovati o jejich návrzích a býti tak mostem mezi Akademií a světem esperantským. Jednáno o tom, zda členy L. K. by spíše měly voliti národní svazy, než jako dosud ostatní členové sami. —

Téhož dne vykonal dr. Zamenhof, dr. Yemans a delegáti návštěvy předním osobám a zástupcům úřadů Spojených Obcí. Večer uspořádáno pod širým nebem esper. představení Shakespearovy hry „Kiel plaĉas al vi" (přel. dr. Yvy Kellerman). Hra byla opakována též následující dva večery.

Ve středu (17. srpna) uděleno před dopolední schůzí 11 cen II. literárního konkursu za předsedání dr. Zamenhofa a královny loňských „Květinových her" pí. Hankelové.

Ve druhé pracovní schůzi mezi telegramy čten též dík presidenta Tafta a zpráva o úmrtí presidenta republiky Chille. — Dr. Mybs podává po té jménem generála Seberta, předsedy Stálého výboru kongresního (K. K. K.) a jménem rektora Boiraca, předsedy Jazykového výboru (L. K.) a Akademie zprávy o činnosti těchto institucí. Z první zprávy vyjímáme: Výbor K. K. K. vydal opět oficielní zprávu o V. kongresu. Zisk 405·33 Fr. ze IV. kongresu v Drážďanech byl podle stanov rozdělen stejným dílem mezi Germ. E. S., kongresní pokladnu a účet ztrát z předešlých sjezdů. Kongresní pokladna vykazuje přebytek 2259·64 Fr. Podniknuty potřebné kroky k získání slevy na jízdném pro kongresisty. Jménem místního K. K. vyzvány všechny vlády, aby jmenovaly své oficielní zástupce k našemu letošnímu kongresu; práce ta došla nejlepších výsledků. Podle usnesení V. kongresu pracováno na ustavení Mezinárodní rady (Internacia Konsilantaro), která měla by na starosti zabezpečiti finančně L. K. a K. K. K. Dosud jmenovalo své zástupce 10 zemí (za 1000 nebo méně než 1000 členů jeden zástupce). Sídlem této rady zvolena Paříž, jednatelem G. Chavet, of. org. „Oficiala Gazeto". Návrhy o stanovení pořadu místa příštích kongresů odloženy.

Mezi navrhovanými mimo jiné jsou Mnichov, Št. Hradec, Praha, Vídeň, Paříž (1914), Krakov (doporučený letos sjezdem rakouských Esperantistů ve Vídni); rovněž sjezdy Esperantistů italských a ruských navrhují několik míst pro r. 1912 a 1913. Jmenován též N. York, kde r. 1913 bude prý pořádána světová výstava a sjezd pacifistů.

Kongres vyslovil předsedům jmenovaných institucí dík za zprávy, načež schůze skončena.

F. Morison, sekretář „Americké ligy práce" prohlašuje, vida 29 národností hovořiti jedním jazykem, že všemožně se vynasnaží, aby Esperanto stalo se jednací řečí sjezdů zastupované jím korporace. — C. Colas, sekretář „Katolické mezinárodní jednoty esperantské" referuje o činnosti tohoto světového sdružení, které čítá již na 2000 členů, vydává tři časopisy a jehož jediným jazykem jednacím jest Esperanto. Jeho letošního I. kongresu v Paříži súčastnilo se více než 400 členů.

Odpoledne podniknut výlet do historického Mount Vernon kde pohřben G. Washington.

Ve čtvrtek ráno sešlo se dvanáct sekcí U. E. A. (Universala Esperanto-Asocio) v místnostech University, aby projednaly otázky propagandy a volbu předsednictva pro příští rok. Dopisem H. Hodlera ze Ženevy sděleno účastníkům, že současně pracuje v Evropě na stejných otázkách schůze U. E. A. v Augsburku. Leigh Mitschell Hodges, red. časopisu „North American" z Fila-

delfie oznamuje své rozhodnutí podniknouti dávno projektovanou cestu kolem světa, k jejíž snadnému uskutečnění dosud překážela mu neznalost Esperanta.

Odpoledne kongresisté súčastnili se zápasu míčové hry „base ball" Washington v. Cleveland, o níž dostalo se hostům bližších informací z esper. brošury vydané k této příležitosti.

Večer uspořádáno v hotelu Arlington několik přednášek o Universální lize (W. E. Baff a Postnikov), o Antwerpách (G. Chavet) s promítanými světelnými obrazy*), a o systému „viditelné řeči" (prof. W. J. Spillmann), jímž hluchoněmým vysvětlovány základy řeči.

V pátek konány schůze teosofů, pacifistů, učitelů, poštovních úředníků a delegátů U. E. A. Na schůzi posledních předloženo 26 zpráv a návrhů. Mezi jinými bylo přijato, aby na dále esperantské spolky nebyly jako „esperantiaj entreprenoj" přijímány za členy U. E. A. — Odpoledne vyslechnuta přednáška pí. Hankelové o hlasovacím právu žen. O témže thematu promluvili J. Skurrie z Australie a dr. A. Rudy z Karolin.

Státní tajemník Huntigton Wilson přijal odpoledne pí. a dr. Zamenhofa, Baretta, dr. Yemanse a národní delegáty ve svém bytě. Obvyklého kongresního plesu súčastnilo se večer na 500 osob.

V závěrečné schůzi dne 20. srpna pozdravili kongres ještě delegáti vlády Mexické, Guatemaly, Oregonu a Louisiany. Poslední zve kongres 1915 do N. Orleansu, kde bude pořádána slavnost otevření panamského průplavu. Stejný návrh podán Lewisem ze S. Francisca. Kongres vyslovil dík Ch. L. Tatemu, který s dr. P. Smileyem přičinil se o přijetí zákona, jímž zavedeno vyučování Esperantu do škol státu Maryland. Rovněž sekretáři kongresů esperantských G. Chavetovi a všem členům přípravného výboru vysloven dík za dosavadní práce. Na konec konstatuje dr. Zamenhof úspěch, se kterým se kongres setkal, děkuje vládě za rozeslání oficielních pozvání k této manifestaci a všem ostatním zemím, které vysláním svých delegátů dali na jevo, že plně chápou význam našich snah. Zapěním hymny „La espero" byl kongres skončen.

Večer konána propagační přednáška gen. Polena „o cestě kolem světa se zelenou vlajkou". Z výletů pořádaných po kongresu nejčetněji byl navštíven výlet k niagarským vodopádům, jehož súčastnil se též dr. Zamenhof s chotí.

---

*) Sídlo VII. kongresu esper.

# KRITIKOJ PRI NIA ESPERANTA „SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO“.

Apenaŭ aperis tiu ĉi verketo en la mondo, venis al ni tre multaj recenzoj, el kiuj ni ĉerpas:

*K. Bein (Kabe) el Warszawa, vicprezidanto de la Esperantista Lingva komitata:*

Via Sherlock Holmes estas bonega! La lerta ĝenerala ideo, la interesaj aventuroj de la heroo, la sprita satiro — ĉio prezentita en facile fluanta rakonto tiel altiras la leganton, ke li ne ellasas la libron el la manoj, antaŭ kiam li venis al la lasta paĝo. Mi ne dubas, ke Via verko plaĉos al ĉiuj Esperantistoj kaj esperas, ke ĝi trovos tradukantojn en naciajn lingvojn. Koran dankon por la alsenditaj ekzempleroj. Mi premas vian manon. K. Bein.

Váš S. H. jest výtečný! Povšechná idea, zajímavá drobrodružství hrdinova, vtipná satyra — vše podáno lehce plynoucím slohem, tak upoutá čtenáře, že nepustí knihu z ruky dříve, dokud nedošel na poslední stránku. Nepochybuji, že Vaše dílo bude se líbiti všem Esperantistům a doufám, že nalezne překladatele do národních jazyků. Srdečný dík za zaslané výtisky. Tisknu Vám ruku. K. Bein.

*Carlo Bourlet, prezid. de „Groupe Esp. de Paris“, red. de „La Revuo“:*

. . . Mi legis ĝin kun granda intereso kaj mi sincere gratulas vin pri la flueco kaj korekteco de via stilo. Niaj kunvenoj de la Grupo en Sorbonne baldaŭ rekomenciĝos kaj estos plezuro por mi varme rekomendi vian verkon al niaj grupanoj. Kun miaj koraj dankoj volu akcepti, kara sinjoro, la esprimon de miaj samideanaj sentoj. C. Bourlet.

. . . Četl jsem ji s velikým zájmem a upřimně blahopřeji Vám k plynnosti a správnosti Vašeho slohu. Naše schůze Klubu v Sorbonně opět začnou a bude mi potěšením vřele doporučiti Vaše dílo našim členům. S mými srdečnými díky račte přijmouti, drahý pane, výraz mých přátelských citů. C. Bourlet.

*A. Grabowski el Warszawa, direktoro de la Gramatika Komisio ĉe la Esperantista Lingva komitato:*

Akceptu mian koran dankon por la granda plezuro, kiun vi faris al mi per via bonega satira verko S. H. Mi ĝin legis kun granda intereso kaj amuzis min bonege. Kiel plaĉis al mi la humorajo vi povas juĝi laŭ tio, ke mi mem tradukis la lan ĉapitron en lingvon polan kaj transdonis (pro manko da tempo) la libron al samideano Sandecki, por ke li ĝin traduku tutan kaj presigu en pola gazeto „Dzień“, kiu havas esperantan rubrikon. Ĉu mi bezonas laŭdi vin pro la bela stilo esperanta de via Sherlock, vi

ja scias mem, ke ĝi estas perfekta en ĉiu rilato. Mi do estas certa ke la esperantistaro ĝoje salutos vian verketon kaj ke la eldono estos baldaŭ elĉerpita. Tion dezirante, mi kore kaj amike premas vian manon kaj restas kun alta estimo via A. Grabowski.

Příjměte můj srdečný dík za velikou radost, kterou jste mi způsobil svým výtečným satyrickým dílem S. H. Četl jsem je s velikým zájmem a pobavil jsem se výborně. Jak se mi humoreska líbila, můžete posouditi z toho, že sám jsem přeložil I. kapitolu do polštiny a předal jsem (pro nedostatek času) knihu příteli Sandeckimu, aby ji celou přeložil a vytiskl v polském časopise „Dzień", který má esperantskou rubriku. Zda potřebuji chváliti Vás za krásný sloh esperantský Vašeho S. H., vždyť Vy sám víte, že jest dokonalý v každém směru. Jsem tedy jist, že esperantský svět s potěšením pozdraví Vaše dílko a že vydání bude brzy rozebráno. To přeje, srdečně a přátelsky tisknu Vám ruku a zůstávám s hlubokou úctou Váš A. Grabowski.

*J. W. Eggleton en Haubinda:*

Kun vera plezuro mi legis vian bonegan S. H. Ne nur kiel satiro bontrafa, justa kaj sprita ĝi plaĉis al mi, sed ankaŭ kaj eĉ precipe kiel bonstila esperantajo. Kiel lingvistikamanto mi notis dum la legado multe da imitindaj parolturnoj kaj esprimoplenaj kunmetitaj vortoj kaj mi povas vere konstati, ke mi ne sole amuziĝis per la verko, sed ankaŭ lernis. Akceptu do mian koran dankon.

S opravdovým potěšením četl jsem Vašeho výtečného S. H. Líbil se mi nejen jako pádná, spravedlivá a vtipná satyra, ale také a to hlavně jako esperantské dílo dobré slohem. Jsa milovníkem jazykozpytu poznamenal jsem si při čtení mnoho napodobení hodných obratů a výstižných složených slov a mohu vskutku konstatovati, že jsem se nejen pobavil Vaším dílem, ale také poučil. Příjměte tudíž můj srdečný dík.

*Bremon Masgrau (Tiflisano) en Barcelona:*

Mi jus legis S. H.; tre bela kaj tre sprita! Se estus ebla ĝin traduki hispanen aŭ katalunen, mi estas certa pri ĝia granda sukceso . . . Cetere la libro estas mirinde amuza. Mi sendas al vi (mi supozas ke vi estas la tradukinto) kaj al la aŭtoro ateston de mia admiro. J. B. Masgrau.

Právě jsem četl S. H.; velmi krásné a velmi vtipné! Kdyby bylo lze přeložiti ho do španělštiny nebo do katalánštiny, jsem jist jeho úspěchem . . . Ostatně kniha jest podivuhodně zábavná. Posílám Vám (předpokládám, že jste překladatelem) a autorovi projev svého obdivu. B. Masgrau.

*„Vespera Horo" en Huttwill (Bern):*

Jen nova verko de nia eminenta bohema samideano Ed. Kühnl, kiu tradukis la humorplenan libron el la bohema lingvo . . . precipe al nia samideanaro ni varme rekomendas tiun libron, ne sole pro ĝia enhavo, kvankam ĝi plej ofte estas interesa kaj eĉ

instrua, sed precipe pro la bonega stilo. La tradukinto estas majstro de flua kaj admirinde klara stilo ... Entute ni havas la impreson, ke la verko bonege taŭgas kiel legolibro kaj ekzercilo en grupaj kunvenoj. (J. Schmidt).

Zde nové dílo našeho vynikajícího českého stoupence Ed. Kühnla, který přeložil humoristickou knihu z češtiny . . . zvláště svým přátelům vřele doporučujeme tuto hnihu, nejen pro její obsah, ačkoliv nejčastěji jest zajímavý a poučný, ale hlavně pro výtečný sloh. Překladatel jest mistrem plynného a ku podivu jasného slohu . . . V celku máme dojem, že dílo výtečně lze použíti za čítanku a cvičebnici ve spolkových schůzích. (J. Schmidt).

„*La Ondo en Esperanto*“ *en Moskva*:

. . . La stilo de la libro estas laŭ nia gusto bonega . . .

Sloh knihy jest podle našeho vkusu výtečný.

„*Germana Esperantisto*“ *en Berlin*:

Kiu foje volas sincere ridi, tiu legu ĉi tiun bonege skribitan satiron . . . Pri la enhavo ni volas nenion perfidi; sole tiom, ke oni eĉ tiam ne povas koleri je la aŭtoro ĉe lia aminda maniero de satiro, kiam ĝi tuŝas la kronitajn moŝtojn. Supron de humoro atingas la sceno, kiam tri reĝoj ludas kune tarokojn. Tamen, legu mem kaj ridu

Kdo se chce jednou upřimně zasmáti, čti tuto výborně napsanou satyru . . . O obsahu nechceme nic prozraditi; pouze tolik, že ani tehdy nemůžeme se horšiti na autora při jeho milém způsobu satyry, tepe-li korunované hlavy. Vrcholu humoru dosahuje scena, kdy tři králové hrají taroky. Leč čtěte sami a smějte se!

„*La Movado*“ *(Paris)* represas tri paĝojn el S. H. „por ke la legantoj povu juĝi pri diversaj vortturnoj kaj dirmanieroj enhavataj en tiu ĉi verketo.“

„La Movado“ otiskuje ze S. H. tři strany, „aby čtenáři mohli posouditi různé slovní obraty a výrazy obsažené v tomto dílku.“

*) *Kühnl. Procházka.*

| | |
|---|---|
| CENA: 1 ex . . . . 75 h vypl. | PREZO: 1 ekz . . . 32 sd afr. (3 int. resp.-kuponoj). |
| 10 ex . . . . . . . . K 6·50 vypl. | 10 ekz . . . . . . Sm 2·70 afr. |
| 50 ex . . . . . K 25·50 vypl. | 50 ekz . . . . . . Sm 10·60 afr. |

Adreso: Praha II. Dittrichova ul. 7.

---

*) Sen rimarko: *German-Aŭstria Esperantisto en Wien*: La stilo de tiu ĉi verketo, kiu pretendas esti satira kaj mokas la ceremoniojn kaj eĉ la karakterojn de diversaj ŝtatestroj sufiĉe kruele, estas bona, flua kaj lerta. La naciecon de la tradukinto oni facile rekonas el kelkaj uzitaj de li vortformoj, ekz. „ministrprezidanto“; „strpr“ bone elparoli certe povas en la tuta mondo nur ĉeho. Ne tre plaĉis al ni la epizodoj traktantaj erotikajn aferojn. Ni havas

# PŘEHLED DŮLEŽITĚJŠÍCH ČASOPISŮ ESPERANTSKÝCH.

Časopisy, při nichž není udáno, jak často vycházejí, jsou měsíčníky. Ceny jsou udány též ve Spesmilech (1 Sm = K 2·40). Všechny časopisy jsou redigovány v Esperantu; národní jazyky (krom Esperanta) jsou u jednotlivých vyznačeny.

ODBORNÉ:

**Oficiala Gazeto-Esperantista,** organo de la Lingva komitato kaj de la Konstanta komitato de la kongresoj. *Paris,* 51. rue de Clichy. — 5 Fr. (2 Sm).

**Internacia Scienca Revuo.** Dr. Ad. Thalwitzer, *Kötschenbroda*-Dresden. (Germanujo). — 6 M (Sm 2·75).

**Lingvo Internacia,** centra organo de la Esperantistoj. Presa Esperantista Societo. *Paris,* 33. rue Lacépède. — 5 Fr. (2 Sm).

**Voĉo de Kuracistoj,** organo de T. E. K. A. Dr. St. Mikolajski. *Lwów,* 6. ul. Sniadeckich (Galicio). — K 3·60 (Sm 1·50).

**Internacia Medicino,** organo de T. E. K. A. Dresden-*Kötzschenbroda.* — 6 M (3 Sm). Por kluboj 1 Sm.

**La Revuo,** literatura gazeto. Hachette & Cie. *Paris,* 79. bd. St. Germain. — 6 Fr. (Sm 2·40).

**Esperanto,** dusemajna organo de U. E. A. Hodler, *Genève,* 10. rue de la Bourse. (Svisujo). — 4 Fr. (Sm 1·60).

**Universo,** ilustrita gazeto. Dr. Schramm. *Dresden* 20 (Germanujo). — 6 M (3 Sm).

**La Spritulo,** gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro. Rich. Bresch, Dresden - *Blasewitz,* Tolkewitzerstr. 20. (Germanujo). — M 2·40 (Sm 1·20).

**Espero katolika.** Abato Duvaux, *Vincennes,* 7. rue Eugène-Renaud (Seine, Francujo). — 5 Fr. (2 Sm).

**Internacia Socia Revuo.** R. Louis, maison commune, *Paris,* 49. rue de Bretagne. — Fr. 3·50 (Sm 1·40).

**Juneco.** Duviard, *Paris,* 152. bd. Raspail. — 4 Fr. (Sm. 1·60).

**Nederlanda katoliko.** J. Lünemann. *Haag,* 40. Neerstr. (Nederlando). — Fr. 1·75 (Sm 0·70).

**Tra la Filatelio,** organo de la kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj (france esp.) *Troyes* (Aube, Francujo). — Fr 2·50 (1 Sm).

**Bulteno de „Libera Penso“.** Prof. Deshays, *Sens* (Yonne, Francujo). — Fr. 2·50 (1 Sm).

**Esperanta Ligilo,** en reliefpunktoj, por blinduloj. Prof. Cart. *Paris,* 12. rue Soufflot. — 3 Fr. (Sm 1·20).

**Dia Regno.** Organo por la Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj. Paul Hübner, *Dellbrück* ap. Köln a. R. (Germanujo). — M 1·80 (Sm 0·90).

**Ĉirkaŭ la Mondo** (germ. esp.). Prof. dr. S. Lederer, *Praha*-Vinohrady, Nerudova ul. 4. — K 3·60 (Sm 1·40).

---

la senton, ke entute la verketo staras iom sub la nivelo de la cetera ĝisnuna literaturo esperanta. Nedubeble la lingvo povas esti uzata por ĉiuj celoj, noblaj kaj malnoblaj . . . Bona karikaturo de la Hispanuja reĝo, la protektoro de la Va Kongreso Esperantista, „ornamas“ la kovrilon. Kurioza danko! *joŝo.* (*J. Schröder*)

**Eĥo Esperantista.** J. H. Schorer, *Berlin*, 29. Wilhelmstr. — 2 M (1 Sm).

**Juna Esperantisto,** por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. Presa Esperantista Societo, *Paris*, 33. rue Lacépède. — Fr. 2·50 (1 Sm).

**La Simbolo,** *Tacoma*, Symbol Publishing 40. Wash. Ameriko. (Sm 2·50).

**L' Espérantiste catholique** (france, esp.). Office Espérantiste catholique. *Paris*, 10. rue Béranger. — 3 Fr. (Sm 1·20).

**Eŭropa Kristana Celado** (angle, esp.). Ch. Briquet. *Genève*, 4. Cité (Svisujo). — 2 Fr (Sm 0·80).

PROPAGAČNÍ (ceny ve Sm pro cizinu):

Aŭstrio; Bohemujo: **Časopis Českých Esperantistů** kun literatura aldono (boheme, esp.) of. organo de Centra Asocio Bohema Unio Esperantista. Ed. Kühnl, *Praha* II. Dittrichova ul. 7. — 3 K (Sm 1·75).
**German-Aŭstria Esperantisto** (germ., esp.). K. F. Ahlgrimm, *Wien* II. 2. Schüttelstr. 91/15. — 3 K (Sm 1·25).

Kroatujo: **Kroata Esperantisto** (kroate, esp.). S-ino Danica de Bedekovič, *Zagreb*, Trg Franje Josipa, br. 19. — 3 K. (Sm 1·50).

Belgujo: **Belga Esperantisto** (france, flandre, esp.) O. Van Schoor, *Antwerpen*, Vondelstraat 20. — 4 Fr (Sm 2·—).

Brazilo: **Brazila Esperantisto** (portugale, esp.). *Rio de Janeiro*. Largo de s. Francisco de Paula 4. Sob. — 6 Fr. (Sm 2·40).

Britujo: **The British Esperantist** (angle, esp.). *London*, W. C. Museum St. Bldg. 133—136. High-Holborn. — 3 Sh (Sm 1·50).
**La Esperanta Instruisto** (angle, esp.). J. C. O'Connor, *London* W. St. Stephens Sq. 17. Bayswater. — 1 Sh, 6 d (Sm 0·80).
**La Londona Gazeto** (angle, esp.) C. A. Fairman. *London* 5. E. Herne Hill, 70. Romola rd. —

Bulgarujo: **Danubo** (esp.). Vidu Rumanujo.

Ĉilo: **La du Steloj** (hisp., esp.). *Santiago de Chile*, casilla 728. — 5 Fr (2 Sm).

Danujo: **Dana Esperantisto** (dane, esp.). *Kopenhago*. Bredgade 35. 2 Kr (Sm 1·50).

Finnlando: **Finna Esperantisto** *Helsingfors*, Ilarejo Esperantista. — Rbl 1·15 (Sm 1·20).

Francujo: **Franca Esperantisto** (fr., esp.). F. de Ménil, *Paris*, 46. bd. Magenta. — 3 Fr (Sm 1·60).
**Le Monde Espérantiste** (fr., esp.). *Paris*, 3. rue Sophie-Germain. — Fr. 1·25 (Sm 0·80).
**Paris-Esperanto** (fr., esp.). V. Chaussegros, *Paris* V. 3. pl. Jussieu. — Fr 1·50 (Sm 0·60).
**Lorena Stelo** (fr., esp.). Dr. Noel, *Nancy*, 63. rue de Villers. — Fr 1·50 (Sm 0·60).
**Normanda Stelo** (fr., esp.). Liebard kaj Leroux, *Rouen*, 41. rue de la Vicomté. — Fr 2·50 (1 Sm).
**Sarta Stello** (fr., esp.). Lepeltier, *Le Moms*, 14. rue Scarron. — 1 Fr (Sm 0·40).
**Norda Gazeto** (fr., esp.). E. Deligny, *St. Omer*. — 1 Fr (Sm 0·40).
**La Movado** — Esperanto-Nouvelles (fr., esp.). *Paris*, 96. rue d' Alésia. — 2 Fr (Sm 1·10).

Germanujo: **Germana Esperantisto** (germ., esp.). *Berlin*, 18—19. Lindenstr. Möller & Borel. — 3 M (Sm 1·50).

**Germana Esperanto-Gazeto** (germ., esp.), semajna. H. Wuttke. *Magdeburk*, Pionierstr. — 5 M (2 Sm).

**Eho Esperantista**, *Berlin*, Dessauerstr. 1. J. H. Schorer. (Semajna germana revuo „Das Echo" kun esp. aldono). — 12 M (Sm 6·—).

Grekujo: **Greklingva Esperantisto** (greke, esp.). Grupo esperantista en *Samos*, Azia Turkujo. — 3 Fr (Sm 1·20).

Hispanujo: **Nova Sento** *Bilbao*, Str. Jardines 7. — Pt 1·75 (Sm 0·90).

**Gazeto Andaluzia** (hisp., esp.). *SanFernando*, Cadiz. — 3 Pt (Sm 1·40).

**La Suno Hispana** (hisp., esp.). A. Jimenez Loira, Pintor López, 3. *Valencia*. — 3 Pt (Sm 1·20).

Katalunlando: **Tutmonda Espero** (kat., esp.). *Barcelona*, str. Tallers, 81. — 3 Pt (Sm 1·20).

**Kataluna Esperantisto** (kat., esp.). *Sabadell*. Gracia, 12. —

Holando: **La Holanda Pioniro** (hol., esp.). *Amsterdam*, Singel, 386. — Th 1·80 (Sm 1·50).

Hungarujo: **Hungara Esperantisto** (hung., esp.) *Budapest VII.*, Alpar, u. 8. — 4 K (Sm 1·70).

Italujo: **Itala Esperantisto** (it., esp.) *Palermo*. S. Agostino, 6. — (Sm 1·40).

Japanujo: **Japana Esperantisto** (japane, esp.). Marunouchi, *Tokio*. — Yen 2·— (Sm 2·—).

Kaŭkazo: **Kaŭkaza Esperantisto** (esp., ruse, armene, kartvele), duonmonata *Tiflis*, Elisavetinskaja str. 17. — 1 Rbl (Sm 1·06).

Meksiko: **Verda Stelo** (hisp., esp.). *Quadalajara*, ap. 2759. — 1 Dol. (2 Sm).

Norvegujo: **Norvega Gazeto Esperantista** (norv., esp.). *Kristiania*, 4 Söndregate. — K 1·50 (Sm 1·10).

Peruo: **Antaŭen Esperantistoj!!** (hisp., esp.). Fr. Villaréal, *Lima*, ap. 927. — Sol. 1·20 (Sm 1·20).

Polujo: **Pola Esperantisto** (pole, esp.). *Warszawa*, ul. Hodża, 20. — Rbl 2·50 (Sm 2·65).

Rumanujo. **Danubo** (esp.), organo de la rumanaj kaj bulgaraj Esp. Red. Dr. G. Robin. Adr.: *Bucuresti*, 5. str. s. c. Bratianu. — Fr 3·50 (Sm 1.40).

Rusujo: **La Ondo de Esperanto** (ruse, esp.). *Moskva*, 28. Tverskaja. — 1 Rbl. (Sm 1·06).

Serbujo: **Serba Esperantisto** (serbe, esp.). D. Andanović, Pop. Lukina 4. *Belgrade*. — 5 D (2 Sm).

Svedujo: **Sveda Esperantista**. Eskilstuna. — Sm 1·40.

Svisujo: **Svisa Espero** (esp.). *Genève*, 10. rue de la Bourse. — 2·50 Fr (Sm 1·20).

**Vespera Horo** (germ., fr. esp.). Dr. Uhlmann, *Huttwil* (Bern) — 4 Fr (Sm 2·50).

Nordamerika Unio: **Amerika Esperantisto** (angle, esp.). *Chicago*, 186. Fortieth Street. — 1 Dol. (2 Sm).

## GRAFO L. N. TOLSTOJ MORTIS.

La tuta mondo scias, ke mortis la dudekan de novembro en Astapov en Rusujo la plej granda kaj mondkonata verkisto, la plej eminenta samtempa filozofo kaj la plej bona, en vera senco de tiu ĉi vorto, homo, Tolstoj.

Pri la signifo kaj verkoj de tiu ĉi korifeo, vi, karaj samideanoj, aŭdos certe pli multe en aliaj kunvenoj kaj vi legos pri ili en ĉiuj gazetoj. Certe neniu inter vi estas, kiu ne estus leginta iun verkon el la riĉa verkaro de tiu ĉi spirita grandegulo, sed mi pensas, ke estas ebla, ke inter vi estas kelkaj, kiuj ne scias, ke la mortinta estis ankaŭ fervora — Esperantisto, fervora samideano kaj al tiu Tolstoj, al tiu nia glora kunbatalanto apartenas hodiaŭ miaj vortoj. Estinte ĉiam okupita per aliaj grandaj verkoj, li ne fariĝis esperanta aŭtoro, sed liaj sinceraj kaj mi povas diri liaj profetaj vortoj, kiujn li elparolis pri nia tutmonda movado, sufiĉas ke lia nomo restu por ĉiam kaj ĉiam enskribita en profundeco de nia koro per oraj literoj.

La plej glora adepto de nia movado ne ekzistas plu. Se la multmiliona mondo funebras, kiel ni ne devus esti hodiaŭ malĝojaj, kiam niajn vicojn forlasis unu, kiu staris sur la unua loko de nia movado. Foriris homo, sed lia verko restas. Gravan subtenon donos al nia propaganda laboro liaj memorindaj vortoj, per kiuj li esprimis en jaro 1894 sian opinion pri la lingvo internacia ĝenerale kaj pri Esperanto speciale:

„Mi ricevis vian leteron kaj mi klopodos laŭpove plenumi vian deziron, t. e. esprimi mian opinion pri la ideo de lingvo tutmonda ĝenerale kaj speciale pri tio, kiom la lingvo Esperanto respondas tiun ĉi ideon. — Neniu povas dubi pri tio, ke la mondo deziras fariĝi ŝafaro kun unu paŝtisto, t. e. per prudento kaj amo, kaj ke la plej proksima tiucela ŝtupo devas esti, ke oni sin reciproke komprenu. Por reciproka interkompreniĝo estas bezone: aŭ ke ĉiuj lingvoj spontane unuiĝu en unu (tio, eĉ se ĝi iam okazus, povus esti nur post tre longa tempo), aŭ, ke la scio de ĉiuj lingvoj tiom disvastiĝu, ke ne nur ne estus bezone ĉiujn verkojn traduki, sed, ke ankaŭ ĉiuj homoj posedus tiom da lingvoj, ke estu ebligite al ĉiuj interrilati per tiu aŭ alia lingvo; aŭ, ke ĉiuj elektu unu lingvon, kiun ĉiuj nacioj estus devigitaj lerni; aŭ fine — kiel ĝi estas ĉe volapükistoj kaj Esperantistoj — ke ĉiuj homoj de diversaj nacioj akceptu kaj lernu artefaritan kaj plisimpligitan lingvon internacian. En tio bazas ideo de Esperantistoj. Ŝajnas al mi, ke tiu ĉi lasta ideo estas la plej racia kaj speciale grava estas en ĝi, ke ĝi estas la plej facile efektivigebla. Jen mia respondo je la unua demando.

La duan demandon — en kia mezuro plenumas la lingvo Esperanto la postulojn, kiujn oni metas sur la lingvon internacian — mi ne povas plene respondi, ĉar en tiu ĉi afero mi ne estas kompetenta juĝanto. La sola, kion mi scias, estas, ke Volapük ŝajnis al mi komplikita, kontraŭe Esperanto estas tre facila kaj tia ĝi devas esti ankaŭ por ĉiuj Eŭropanoj. Tiu ĉi

lingvo estas tiom facila, ke mi povis antaŭ ses jaroj kun helpo de gramatiko, vortareto kaj kun unu en tiu ĉi lingvo skribita artikoleto post ne pli longa ol duhora studado, se ne per Esperanto skribi, tamen almenaŭ libere legi.

En ĉiu okazo estas la ofero, kiun individuo de nia eŭropa mondo alportas per tio, ke li nur iom da tempo dediĉas por ellerni tiun ĉi lingvon, tiom bagatela kaj la rezultatoj, kiuj estus atingeblaj, se ĉiuj — almenaŭ Eŭropanoj kaj Amerikanoj — tiun ĉi lingvon ellernus, tiom grandegaj, ke ne estas eble tiun ĉi provon preterlasi."

Alia, ne malpli grava respondo de Tolstoj, estas tiu, kiun li sendis al korespondanto de la londona gazeto „Concord": „Jam antaŭ dekkvin jaroj mi esprimis miajn simpatiojn al Esperanto. Mi mem intencis eldonadi gazeton skribitan en tiu ĉi lingvo. Mi havas ĉiam la saman opinion kiel tiame."

Se ĉiu homo en la vasta mondo estas hodiaŭ devigata funebri super la restajoj de tiu ĉi famulo, tiam ni, Esperantistoj, tiom pli multe, ĉar ne mortis al ni sole filozofo, literaturisto homo, sed antaŭ ĉio unu el ni, samideano — Esperantisto.

*El parolado de s-o Dr. St. Schulhof.*

## LA PLIBONIGADO.

(El kolekto „Kion la vivo alportis".)

Skribis *Dr. Stanislav Schulhof.*

Ne povinte lastan nokton
eĉ nur unu horon dormi,
mi pripensis, ĉu mi povus
nian lingvon trareformi.

Speciale la finiĝojn
ajo, umo, emo, igo,
oni devus jam forjeti,
por la lingva plibonigo.

Nia gento estis vere
fuŝfarita ĉe la fondo,
kaj li, kiu ĝin bonigus,
estus fama en la mondo.

Mi proponos, tuj mi pensis,
ŝanĝi tiun homan staton
kaj por tiu celo krei
ian homan komitaton.

Anstataŭi la finiĝojn
kaj aldoni novan kazon
kaj starigi nian lingvon
tute sur logikan bazon.

Kiam mi pri lingvo pensis
kaj pri ĝia fundamento,
jen naskiĝis la ideo
pri problema homa gento.

Oni povas tion diri
sen ia ajn embaraso,
el kreajoj, ke la homo,
plej malbona estas raso.

Kaj ĉi tiu komitato
devus trovi fundamenton
kaj laŭ ĝi ni plibonigus,
la fuŝitan homan genton.

Sed se tiu komitato
tre prokrastus la decidon,
mi mem kreos novan homon,
reformitan homan — idon.

# ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

Unu el la plej gravaj centroj esperantistaj nepre estas la Esperantista Klubo en **Brno**, kiu per sia laboro propaganda faras samtempe al nia lingvo tre signifan servon, defendante ĝin kontraŭ la arbitraj projektoj uzurpantaj ĝian nomon kaj celantaj erarigi la publikon. Tre utila tiucele estas kurso anoncita per afiŝoj, kiu okazas en la lernejo de prof. Pokorný (de la 4. de oktobro: mardo, jaŭdo), kiu daŭros ĝis la fino de tiu ĉi jaro. Enskribo 2 K. Ni sincere deziras al niaj amikoj plenan sukceson!

Dua kunveno de Esperantistoj el **orienta Bohemujo** okazos en Pardubice la 8. decembro je la 2. horo en hotelo „Střebský". Programo: Malferma parolado de Dr. J. Fousek. Kvarteto „La Espero". Parolado pri Esperanto (f-ino Melicharová). „Verda stelo" (poemo de Dr. St. Schulhof). „La unua kliento", duakta humorajo (ludos esp. rondeto en Chrudim). Pri la edukado de infanoj por la estonta mondo esperantista (K. Kudrna, instruisto el Chrudim). „Ĉe la forno" (poemo de Dr. St. Schulhof). Raporto de delegitoj pri la progreso de esperanta movado. „La dektria akacio", felietono de Horký (tradukis kaj tralegos Dr. J. Fousek). Ekspozicio. Societaj ludoj. Libera interparolo. — La afero en Pardubice kontentige prosperas: la kursoj kaj la kunvenoj estas multnombre kaj regule vizitaj. —f

**Česká Skalice.** Promesoplena estas la movado en tiu ĉi urbo, kie fondiĝis la 4. de novembro rondeto da 40 samideanoj. Negranda ekspozicio de esp. gazetoj k. s. estis bona informilo pri la nuna disvastiĝo de Esperanto. Ĉiuj interesiĝantoj sin enskribis kiel lernantoj en la kurson de s-o Fr. Balíček, instruisto el Červený Kostelec (la kurso komenciĝis la 10. XI.) La rondeto eldonis kolekton da poŝtkartoj kun vidajoj el la valo de Ratibořice, la konata loĝejo de „Avineto" de Božena Němcová. Niaj amikoj plezure aĉetos tujn ĉi bildojn, kiuj tieldire akompanas la faman romanon tradukatan de Vl Tobek en nia „Aldono". Prezo 6 h; 10 ekz. 60 hel. afr. (Fremdlande unu ekz. sendita kiel poŝtkarto 17 h). Ni estas certaj, ke la vigla intereso, kiun niaj amikoj montris pri Esperanto, ne malvarmiĝos, kaj ni esperas, ke baldaŭ fondiĝos tie klubo, kiu, uzonte la profitojn, kiujn proponas laboro unuigita, fortigos per sia aliĝo nian Centran Asocion B. U. E.

Klubo de Esperantistoj el regiono de Ostrava (Moravio) malfermis ĉe okazo de la ekspozicio de hejmaj utilajoj esperantan ekspozicion de gazetoj, literaturo kaj korespondajoj en la bohema domo en **Vitkovice**. Preskaŭ dek mil vizitantoj estis informitaj pri nia movado per ampleksa kolekto de esperantajoj. Oni admiris inter la 1500 elmontritoj p. k. kolekton de s-o E. Esterák, instruisto el M. Ostrava, kiu rilatas kun 42 nacioj. Oni esprimu sur tiu-ĉi loko dankon al la ekspozicia komitato de „Národní jednota", kiu tiel grave helpis la propagandon de Esperanto. — De la komenco de novembro okazas en la bohema komunuma lernejo kurso esperanta, ĉe kiu instruas s-oj V. Bláha kaj Fr. Talpa, instruistoj en Vítkovice. La 30. de sept. malfermiĝis nova kurso en la laborista domo.

Esperantisto Klubo en **Kladno** aranĝis la 23. de oktobro en la hotelo „u města Kladna" la I. amikan amuzvesperon; 65 membroj kaj gastoj partoprenis. Pri Esp. kaj ĝia graveco parolis

eksprez. s-o Pele: pri la II. bohema kongreso esp. raportis kiel delegito s-o Kočí. Sur la programo estis „La Espero“, „Al la fratoj“ (kun muzika akompano), naciaj kantoj bohemaj (tradukitaj esperanten de s-o Batěk el Říčany), recitado de poemo „Al la fratoj“ kaj de la legendo „Pri la artefarita muziko“ prezentita de la plej juna Esperantistino M. Pumprová. S-oj Podrázký, Hyský k. a. amuzis la gastojn per humoraj kupletoj. La amuzo estis finita per danco je malfrua horo. — o —

Nia malnova amiko s-o prof. Aug. Pitlík, kiu propagandis Esperanton jam en Klatovy kaj Příbram sukcesis tre bone en la nova sidejo — en **Prostějov** — en sia laboro. Antaŭ unu monato li malfermis laŭ permeso de direktoro Raulich 2 kursojn esperantajn, kiujn vizitas 22 knabinoj kaj 50 studentoj, de la komerca akademio.

Multe da sciigoj devas esti prokrastitaj pro manko de loko. En la 10. n-o ni represos ĉiujn raportojn pri la kursoj, paroladoj, ekspozicioj kaj festoj, kiuj okazas en tiu ĉi jaro.

*Atentigo:* Kunvenoj de Esperantista Klubo en **Praha** okazas nun **vendrede** (anstataŭ merkrede) „u Donátů“ en Spálená ul. — Sidejo de Esperantista Klubo en **Žižkov** de post nun: Husinecká ul. 6. Amika festo okazos dimanĉon, je la 7. h. vespere la 11. XII. en rest. de hotelo „Vodák“. Bela programo garantias kontentigan amuzon. — Esperantista Klubo en **Praha VIII.** aranĝas feston de s. Nikolao la 8. de decembro. Petu informojn de sekr. s-o Jos. Sídlo Praha VIII. Erbenova ul. 859.

**Zkoušky z Esperanta** *před zkušební komisí Ústř. Svazu Bohema Unio Esperantista konají se o Vánocích v Praze. Přihlášky buďtež zaslány do 12. prosince t. r. Zkušební řád zašle na požádání výbor B. U. E.*

Ve dnech 30. října a 1. listopadu t. r. konal se ve smíchovském „Národním domě“ pátý sjezd soc. dem. odborových organisací sdružených v „Odborném Sdružení Československém“, které, jak známo, stojí v ostrém boji o samostatnost proti soudruhům vídeňským. Tato otázka ovládala celý sjezd a proto není divu, že návrh resoluce, aby Esperanto bylo doporučeno příštím socialistickým sjezdům za jedinou jednací řeč, nebyl dostatečně projednán. Přes to téměř polovina delegátů vyslovila se pro Esperanto a jen vystoupení říš. posl. A. Němce, který jest proti němu zaujat, přivodilo pro tentokráte zamítnutí resoluce nevelikou většinou. Budiž poznamenáno, že říš. posl. Svěcený jest vřelým stoupencem idee jazyka mezinárodního. —*ch.*

**KORESPONDANTOJ.** *138. S-o Paul Jaine, 4. rue St Louis, *Clermond-Fd.*, Puy de Dome, Francujo. — *139. S-o Ferd. Rodde, 3. rue Faidherbe, *Nogent-sur-Oire*, Francujo. — *140. F-ino Suzanne Adeline, *Esquetot* par St. Aubin d' Ecrosville, Francujo. — *141. S-ino Trichard, 113. ave du chemin de fer, *Le Raincy*, S. & O. Francujo. — *142. S-o Alfred Grenouillat, rte de la Châtre, *Chătteauroux*, Indre, Francujo. — *143. S-o Verstraeke B. Cité 10. n-o 59. *Bruay*. Pas de Calais. Francujo. — 144. S-o H. Leroux, farmacisto, Campagne-les-Hesdin, Pas de Calais, Francujo.

**BIBLIOGRAFIO.** **Z CELÉHO SVĚTA.**

V čísle příštím. En la venonta numero.

---

**BOHEMUJO**: Kun anglaj kaj alilandaj samideanoj deziras korespondadi dek Bohemoj. Adresojn sendos nia red. aŭ s-o B. Zadák, instruisto en Březové Hory u Příbrami.

S-o Fr. Rotter en Česká Skalice kolektas il. k. el fremdlando. Li ĉiam tuj resp. per esperanta p.-k. kun vidaĵo el „valo de Ratibořice“ (agadejo de romano publikata en nia „Aldono“).

F-ino M. Mrázková, instruistino en Kutná Hora dez. kor. pri la psikologio de infanoj.

F-ino Lenka Podleská, instruistino en Žebrák ap. Hořovice dez. kov. per il. k.

---

**Eldonanto**: Ed. Kühnl. — Presejo de Národní tiskárna a nakl. JUDr. Edvard Jan Baštýř a spol. Praha.



Dr V. Rosický

Prezidanto de la
„Centra Asocio Bohema Unio Esperantista“.